15-a jaro. — N-ro 8 (174) Aŭgusto 1929




Fondita en 1908.

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj : L. CHAMPY, Fr. SCHOOFS, Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF, J. VAN LAERE, Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro :

FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11
ANTVERPENO

Por la anoncoj oni sin turnu al :
H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO.

JARA ABONPREZO : Fr. 20,—
EKSTERLANDO : Belgoj 5.—

ANTVERPENO
1929

# Belga Ligo Esperantista

**Fondita en 1905.**

Honora Prezidanto: **Princo Leopoldo, Duko de Brabanto.**
(Honora Prezidinto : formortinta Generalo Grafo Leman).

**Estraro :**

Prezidanto pro honoro : A. J. Witteryck, Steenbrugge.
Prezidanto: F. Schoofs, Kl. Hondstr.,11, r. du Petit Chien, Antverpeno.
Vic-prezidantoj : L. Cogen, Dreef, 52, Drève, Ninove.
P. Kempeneers, r. aux Laines, 20, Wolstr. Bruselo.
Ĝen. Sekretario: H. Petiau, St. Lievenlaan, 60, Bd. St Liévin, Gento.
Kasisto : M. Jaumotte, Lage Weg, 254/14, Chemin Bas, Hoboken-Antverpeno.

Direktoro de la oficiala organo : F. Schoofs.

**Komitato :**

**Konstantaj komitatanoj :** Cam. Babilon, L. Champy, M. Elworthy-Posenaer, Fr. Schoofs, Osc. Van Schoor.

**Delegitoj de la Grupoj :**

AALST : Grupo « Pioniro ». — R. De Kegel.
ANTVERPENO : « La Verda Stelo », S. s. p. c. — M. Jaumotte, A. Faes.
BRUĜO : Bruĝa Grupo Esperantista. Yv. Thooris, Ch. Poupeye.
BRUSELO : Brusela Grupo Esperantista. - P. Kempeneers, F. Mathieux.
BRAINE-L'ALLEUD : «La Verda Stelo de Brajno ».
CHARLEROI : — Karloreĝa Grupo Esperantista. — A. Henraut.
GENTO : Genta Grupo Esperantista. — H. Petiau, Cl. Van de Velde.
KORTRIJK : Grupo Esperantista. — C. Vanbiervliet, G. Debrouwere.
LIEĜO : Lieĝa Ago ». — E. Oger.
LIERO : Liera Stelo. — Jos Leflot.
LOKEREN : « Durma Stelo ». — A. Roels.
MEĤLENO : Mehlena Grupo Esperantista. — A. Baesens.
NIEUWPOORT : Esp. Grupo : L. Braet.
SPA : Grupo Esperantista. — J. Desonay.
S-ta NIKOLAO : Grupo « Al Triumfo ». — R. Geerinck.
SCLESSIN-LIEĜO : « Grupo Esperantista ». — J. Bissot.
TIRLEMONT : Grupo Esperantista. — Em. Rodeyns.
VERVIERS : Grupo Esperantista. — Jos Hérion.

**Juĝantaro pri profesora kapableco :**

Efektivaj membroj : F-ino M. Jennen, L. Cogen, Cl. Vandevelde.
Anstataŭantoj : Oscar Van Schoor, A. Henraut, F. Mathieux.

**Kotizo :** Fr. 20,— jare, inkluzive abono al «Belga Esperantisto».
**Poŝtĉeko : 1337,67** de Belga Ligo Esperantista.

Por la kroniko : la grupoj bonvolu havigi al ni sian koncizan raporton je la fino de ĉiu monato.

15a JARO N-ro 8 (174) Aŭgusto 1929.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Direktoro :
FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antwerpen
Telefono 943.74

Abonopagoj kaj aliaj Monsendoj al :
Poŝtĉeko No 1337 67
de
BELGA LIGO ESPERANTISTA

**Konstantaj kunlaborantoj :** M. JAUMOTTE, L. COGEN, W. DE SCHUTTER, S-ino L. FAES
H. PETIAU, F-ino R. SPIRA, F-ino J. VAN BOCKEL, H. VERMUYTEN.
**Ekspeda Servo :** FR COOL.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## LA ANTAŬKONGRESO AL LA XXIa KONGRESO
KUN MALFERMO DE
## INTERNACIA ESPERANTO-MUZEO EN VIENO

Je la okazo de la malfermo de la Internacia Esperanto-Muzeo, la Vienaj amikoj organizis antaŭkongreson al la 21a Universala Kongreso, en kiu partoprenis proksimume 500 geesperantistoj el diversaj landoj.

La loka komitato, gvidita de S-ro Hugo Steiner, kiu ĵus pro siaj servoj al la Esperanto-movado estis nomita registara konsilanto, plej bone aranĝis la festojn kaj solenaĵojn.

La oficejoj estis lokitaj en etaĝa salono de Annagasse, kie deĵoris deko da samideanoj. Ili disdonis ĉiujn dokumentojn, inter kiuj ni trovis belegan gvidlibron pri Vieno en Esperanto. En tiu loko estis ĉiam pretaj kelkaj vienaj esperantistoj, por konduki malgrandajn grupojn de alvenintoj tra la urbo. Nia grupeto da antverpenaj samideanoj havis la ŝancon trovi tie F-inon Anna Zich, kiu estis vera gvidanĝelo por ili dum la tritaga restado en la aŭstra ĉefurbo.

La 30an de Junio la partoprenintoj posttagmanĝis en iu kafejo de la fama Prater, kaj je la vespero ili sin retrovis por komuna manĝo en Urbdoma kelo, kie estas bona restoracio.

La 31an de Junio antaŭtagmeze estis organizitaj rondiradoj kaj rondveturadoj tra la urbo. Je la 13 a h. oni manĝis en tute specialaj restoraciejoj « Wök », kie oni trovis bonegan manĝon je tre malmultekosta prezo. Mirinde estis en tiuj manĝejoj la rapida servado farita de kelnerinoj.

Posttagmeze la alilandaj gastoj tramveturis ĝis ekster la urbo kaj plue promenadis al Kobenzl, ĉarma loko sur monto, de kie oni ĝuis

belegan panoramon. En tiu loko kunvenis la Universala Esperantista Pacifista Ligo.

La tago finiĝis per amuza kunveno en restoracio « Hengl », kie en ĝardeno kaj sub laŭboj, la ĉeestantoj pasigis vere familian vesperon, dum orĥestro kaj kantistoj plenigis la aeron per gaja muziko kaj tipaj kantoj de la regiono. La elverŝado kaj eltrinkado de la lastjara vino nomata « Heuriger » plivarmigis la intimecon de tiu bela vesperfesto.

La saman tagon la Tutmonda Esperantista Kuracista Asocio havis specialan konferencon en la malsanulejo.

La unua de Aŭgusto estis la ĉefa tago de la antaŭkongreso. Ĝi komenciĝis per diservo katolika en la Minoritenpreĝejo kun Esperanto-prediko de Prof. D-ro Christanell el Salzburg.

Je la 10a h. la prezidanto de la Aŭstra respubliko kaj la kanceliero akceptis sesdekon da naciaj reprezentantoj kaj eminentuloj el la Esperanto-movado. Tiu akcepto okazis en pompa salono de la prezidantejo. S-ro H. Steiner prezentis la ĉeestantojn al la Ŝtatestro, kiu havis por ĉiu el ili afablan vorton. Tiuj poste, je la 11a h., la tuta partoprenintaro estis akceptata de la delegitoj de la urbo Vieno, en la granda festsalonego de la urbodomo. Al bela bonvenparolado je la nomo de la viena urbestraro, respondis S-ro Merchant, prezidanto de I. C. K.

Fotografitaj sur la granda, bela placo antaŭ la urbodomo, ĉiuj kongresanoj iris al la Nacia Biblioteko, kie ili kolektiĝis en la pompa salonego de tiu nacia instituto.

Je la 12 1/2 h. eniris D-ron Miklaŝ, prezidanto de la respubliko, enkondukita de la Direktoro de la Nacia Biblioteko, kaj de la reprezentantoj de la Esperanto-Movado, S-roj J. Merchant, prezidanto de I. C. K., R. Kreuz, Ĝenerala Sekretario de I. C. K., Fr. Schoofs, sekretario-kasisto de K. R. de la naciaj societoj, kaj Hugo Steiner, prezidanto de la loka komitato.

Kaj tiam okazis en la mirinda kadro de tiu neforgeseble « pompa salonego », en la mezo de pli ol 600 personoj : esperantistoj kaj vienaj eminentuloj kaj funkciuloj, la solena malfermo de la Esperanto-muzeo. Parolis la Direktoro de la Nacia Biblioteko, S-ro H. Steiner, prezidanto de la Loka Kuratora Komitato de la Esperanto-Muzeo, Lia Prezidanta Moŝto D-ro Miklaŝ, S-ro J. Merchant, Prezidanto de I. C. K., kaj delegitoj de la diversaj fakaj kaj naciaj asocioj esperantistaj. F-ino L. Zamenhof alportis por la muzeo valorplenan manuskripton de sia patro; S-ro Onnen, je la nomo de la Esperantistoj el Hago, donacis belan oleopentritan portreton faritan de nia Genta samideano, S-ro Achiel De Martelaere, kiu je tiu okazo estis speciale prezentita al la Liglanda prezidanto, kaj kiu estis salutita per varma ovacio de la tuta ĉeestantaro; S-ro Deligny, el St. Omer, metis en la muzeon la unuan Esperantan flagon kiu flirtis en Boulogne s/Maro dum la unua Universala Kongreso; fine, je la nomo de la Polica prezidanto de Vieno, D-ro Schober, estis donacita kolekto de la diverslingvaj insignoj por policistoj-interpretistoj.

Ĉiu ĉeestanto certe neniam forgesos tiun solenan kunsidon, kiu estis vere plej impresa.

Tuj post ĝia finiĝo D-ro Miklas malfermis la Esperanto-ekspozicion, pri kiu li detale interesiĝis.

Posttagmeze okazis ekskurso al Schonbrunn, kun vizito de la fama kastelo, menaĝerio, palmodomego kaj parko. La pluva vetero iom malpliigis la plezuron de tiu vizito. Tiu malbonaĵo tamen estis rapide forgesita, kiam vespere oni retrovis la amikojn en agrabla salono de bonega restoracio, kie la ĉeestantoj pasigis plej agrable sian lastan vesperon en Vieno.

Efektive, la sekvantan matenon je la 8a la antaŭkongresanoj forveturis al Budapest; unu parto per vagonaro, alia parto per bela ŝipo, laŭ la Danubo.

La vienaj amikaj estu dankataj pro tiu bela festaro, kiuj sendube havos grandan influon sur la estonta propagando por Esperanto en la Viena metropolo. La tuta aranĝo tre certe estas persona sukceso de S-ro Hugo Steiner, kiu meritas la gratulon de la tuta Esperantistaro.



La akcep o de la diverslandaj
delegitoj ĉe la aŭstra Liglanda Prezidanto
D-ro Miklaŝ

# BELGA KRONIKO

**Antverpeno.** « La Verda Stelo » havis « intiman kunvenon » sabaton la 6an de Julio. Dimanĉon la 7an, kelkaj « Tamen-uloj » partoprenis ekskurson al Vlissingen. Belega vetero pliagrabligis tiun vojaĝon. La saman tagon tria ekskurso estis organizata al « Kruisschans ». Speciale dankindaj estis S-roj Francart kaj Janssens, kiuj tiel bone kaj pacience gvidadis la ekskursantojn.

Sabaton la 13an estis Ĝenerala monata kunsido. Ĉeestis S-ro Dro Stromboli. Plej sprite nia itala samideano el Pisa rakontis pri sia urbo, Italujo, la movado, vivmaniero kaj eĉ donis gravajn konsilojn al ni pri la « preparmetodo » de « macaronioj »! S-ro Stromboli bonege sukcesis paroligi la ĉeestantojn, proponante al ili, ke ili mem faru al li demandojn, kiujn li volonte respondos. Saman kunsidon ankaŭ ĉeestis Groj Bohun el Londono.

Sabaton, la 20an ni havis la duan somer-balon en parko « Te Boelaere ». Lundon, la 22an, sukcesplene malfermiĝis la « Rapida Kurso » organizata de S-ro M. Jaumotte, kiu prenis sur sin la esperantigon de 42 gelernantoj, kiuj grandparte akiris la diplomon post 15 tagoj da ekkonatiĝo kun Esperanto.

Sabaton 27an, intime kunvenis kelkaj membroj, ĉar la libertempo kaj la bela vetero jam altiris la plimulton el nia urbo.

**Bruselo.** Brusela Grupo Esperantista.

Lundon la 1an de Julio : la gemembroj kunvenis en la arbaro de la « Cambre » en la konata kafejo « Chalet des Rossignols » kie, sub la ombro de la arboj, ili dancis.

Estis la unua fojo, ke la Bruselanoj aranĝis lundan kunvenon ekster sia ordinara ejo. Tamen la sukceso de tiu vespero estis granda ĉar la partoprenantoj petis, ke oni ankoraŭ aranĝu similajn dancvesperojn.

La dimanĉon 14 an de Julio, kelkaj anoj de la grupo vojaĝis al Oostduinkerke por viziti la internacian kolonion kiu tiam libertempis ĉe la belga marbordo. Ili nur bedauris, ke ne estis eble por ili resti pli ol unu tago inter la esperantistoj, kiujn ili renkontis en Oostduinkerke, ĉar vere okazis tie malgranda universala kongreso.

La 29 an S-ino Spielfiedel, polino, faris interesan paroladon titolitan « Iom pri Polujo ». Ŝi montris la diversajn novajn organizadojn religiajn, politikajn, komercajn k. t. p., kiuj naskiĝis depost la liberigo de Polujo, post la mondmilito. S-ino Spielfiedel sukcesis interesigi ĉiujn ĉeestantojn. Ĉe la fino de oktobro, ŝi refaros la saman paroladon kaj montros tiam multe da lumbildoj pri diversaj urboj el la lando.

**Lieĝo.** Je la 14a de Julio okazis kunveno de la Lieĝaj gesamideanoj, prezidata de S-ro F. Schoofs. La ĉeestantoj decidis tuj restarigi la Lieĝan Grupon Esperantistan, kies prezidanto estas S-ro Kapitano Moncousin. Plano por la proksima sezono vintra estis starigita. Al la geamikoj, kiuj decidis gvidi la revivigitan societon, ni diras koran bonvenon, dezirante al iliaj propagandaj laboroj grandan sukceson.

La saman tagon la delegitoj de la grupoj el la provinco Lieĝo akceptis organizi en Lieĝo la proksiman Belgan Esperanto-Kongreson, kiu okazos je Pentekosto 1930, kaj kiu estos jubilea kongreso, ĉar dum ĝi la Belga Ligo Esperantista festos la 25an datrevenon de sia fondiĝo.

## BELGA GAZETARO

La antverpenaj gazetoj enhavas regule la informojn pri la kursoj organizataj de nia grupo « La Verda Stelo », kaj pri la kunvenoj kaj festoj de ĝi. Ni ne havas ideon pri tio, kio okazas en la aliaj lokoj de la lando en tiu rilato. Ĉiuokaze ni tre rekomendas al la diversaj grupoj la sistemon de «La Verda Stelo », kiu sendube helpas al la kreado de bona atmosfero loka ĉirkaŭ Esperanto.

Aparte citindaj estas : La policista gazeto « Ons Streven », de Julio, kiu havas sian regulan « Anguleton » en Esperanto; L'Avenir d'Oostduinkerke, kun raporteto pri la Esperantista Semajno en tiu urbeto; « Kielsch Reklaamblad », kun la programoj de la antverpena grupo « La Verda Stelo »; « Belga-Radio », Julio, kun resumo de la enhavo en Esperanto.

En « De Gazet van Antwerpen », 13-8-1929, la redaktoro Wannes, sugestas per longa artikolo la uzon de Esperanto, por solvi la lingvan demandon en Belgujo. La verkinto estus duoble kontenta se Belgujo povus doni pruvon, ke paco povas regi per Esperanto. Estus honoro por Belgujo, se ĝi estus doninta la ekzemplon al aliaj landoj.

« Neptune », 23-8, parolante pri la Haga Konferenco, konstatas ke, pro la tradukaj laboroj, okazis grandega perdo de tempo. Ekzemple la parolado de la germana delegito daŭris 12 minutojn dum la tradukado postulis 40! Jen, aldonas la ĵurnalo, pruvo pri la utileco de Esperanto!

## GRATULOJ

Al S-ro **Willy De Schutter** kaj F-ino **Germaine Kenens**, membroj de « La Verda Stelo », el Antverpeno, kiuj geedziĝis la 3 an de Aŭgusto 1929.

### UNIVERSALA EKSPOZICIO DE ANTVERPENO 1930.

**Rabatpreza abono por niaj membroj !**

**Fr. 40.— anstataŭ Fr. 50.—.**

La membroj de Belga Ligo Esperantista kaj de ĝiaj aliĝintaj grupoj ĝuos **rabaton de 20 %** sur la abonprezo de la Universala Ekspozicio de Antverpeno.

Tiuj, kiuj deziras profiti tiun favoron, bonvolu pagi Fr. 40,— al la poŝtĉekkonto **726.54** de nia loka grupo **«La Verda Stelo»**, kaj sendi al la sidejo de **tiu grupo, Kleine Hondstraat 11, Antverpeno, du fotografaĵojn** (formato 4 x 4 cm.) kun, sur la dorso skribitaj, la nomo kaj la antaŭnomoj.

Ni ne dubas, ke ni baldaŭ atingos la nombron de 100 mendantoj, kiu estas necesa por akiri la prezentitan rabaton.

## LA SIGNO DE LA MALJUNECO

Kio estas la certa indiko ke homo maljuniĝas?

Kiam li komencas ne plu ŝati ŝanĝojn. Kiam li volas esti hodiaŭ la sama kiel hieraŭ. Kiam li malakceptas novajn ideojn kaj metodojn.

Kiam li nenian ennovigon alprenas.

Ŝanĝo signifas kresko. La ŝanĝo estas la simbolo de la vivo.

Nur la morto ne ŝanĝiĝas.

La maljuneco ne komencas je 50 aŭ 60 jara aĝo. Iuj homoj 70 jaraj estas junaj. Iuj homoj 30 jaraj estas maljunaj.

Dependas de vi, resti juna dum via tuta vivo.

---

## FARU KIEL LA LETERPORTISTO

Ĉu vi jam pensis pri la nombro de hundoj, kiujn la leterportisto renkontas dum sia rondiro?

Se li ĉiufoje haltus, kiam unu el ili bojas al liaj kalkanoj, li neniam sukcesus fini sian taskon. Sed, indiferente, li lasas al la hundoj elblekegi sian mordemon kaj nekonfuzeble li daŭrigas sian laboron.

Imitu lian ekzemplon.

Hodiaŭ vi faris pli bone ol hieraŭ. Estas la kaŭzo pro kio vekiĝis tiom da envio, ĵaluzo kaj kalumnio. Ne honoru tiujn, kiuj bojas al viaj kalkanoj, per via respondo.

Vi eĉ ne havas tempon perdindan por tio.

Faru pli bone morgaŭ ol hodiaŭ. Tio estos via plej bona respondo.

Tradukita el « L'Efficience »
de la Perfektiga kurso de la Verda Stelo.

---

## LA PACIENCO DE ABAUZIT

Pri Abauzit, fama teleologiisto, estis dirate ke, il neniam ekkoleris kelkaj personoj turnis sin al lia servistino por certiĝi, ĉu tio estis vera. Ŝi lin servis tridek jarojn; ŝi asertis, ke, dum tiu tuta tempo, ŝi neniam vidis lin kolera. Oni promesis al ŝi sumon da mono, se ŝi povus lin kolerigi. Ŝi konsentis kaj sciante, ke li deziris bone kuŝi, ŝi ne preparis lian liton. Abauzit vidis tion, kaj la sekvantan matenon li faris al ŝi rimarkon pri tio; ŝi respondis, ke ŝi forgesis ĝin. Li diris nenion pli. Je la vespero ŝi ree ne preparis la liton; saman rimarkon la sekvantan tagon; ŝi respondis per kio ajn ankoraŭ pli malbone. Fine la trian fojon li diris al ŝi : « Vi denove ne preparis mian liton; eble vi tiel decidis ĉar tio ŝajnas tro laciga al vi. Sed bone konsiderite tio ne estas malbona; ĉar mi komencas kutimiĝi je tio.» Ŝi ĵetis sin al liaj piedoj kaj konfesis ĉion.

Tiu ago figurus tre bone en la vivo de Sokrato.

Bernardin de Saint Pierre.
Tradukis P. ROGIERS.

# ESTAS BELA LA NURA MATENO DE L'AMO...

Estas bela la nura mateno de l'amo,
la unuaj renkontoj hontemaj,
de senkulpa animo la voĉo, kaj frazoj
ne finparolitaj, timemaj.

Reciprokaj kaŝitaj, rigardoj, aludoj,
jen blinda ĵaluz', jen espero...
Ho, la belaj, la neforgeseblaj minutoj,
paradiza feliĉo sur tero!

Kun la kiso eniĝas malvarmo en koron,
ĉar la rev' iĝas ebla, reala;
kun la kis' la pureco faligas la floron,
kaj forlasas la di' piedestalon.

Jam apenaŭ aŭdiĝas de l'kor' la sopiro,
nur la sang' ebriige parolas,
kvazaŭ tuta la amo nur estus : deziro,
kaj amant' kvazaŭ kisojn nur volas.

Hela templo jen iĝis volupta haremo
kaj ne sonas la preĝo jam tie,
kaj la pastro, je pekaj deziroj tutplena
pri plezuroj nun pensas malpie.

La rigardo, antaŭe al belaj okuloj,
kun peto timema fiksita,
senrespekte nun vagas sur ŝultroj la nudaj,
per mano sen hont' malkovritaj.

Jen momenta plezuro, — kaj floro fiera
dispremita, rompita jam estas.
Ne redonos ĝin plu de la viv' la rivero,
senkompata estinto nur restas.

Estingiĝas la lum' sentfesteno finita,
kaj la maskoj malkovras vizaĝojn,
kaj senĝoje daŭriĝas la viv', — kripligita,
per mensogo, sopir', vulgaraĵoj...

El rusa lingvo tradukis,
L. HARLAMB.

# LA FRANCA SOCIO DUM LA XIXa JARCENTO

Estas certe neeble montri al vi ĉiujn aspektojn de la Socio dum la tuta 19a jarcento; oni povus verki librojn pri tio, kaj tiaj libroj vere ekzistas; sed ni devos esti kontentaj kun kelkaj ĝeneralaĵoj; ni precipe pritraktos la ŝanĝojn sciencan kaj socian, pro kiuj la epoko estas rimarkinda.

Ni parolu unue pri la klasoj de la socio. La nobela aristokrataro estas anstataŭata de la riĉula aristokrataro; sed la klasoj ne plu vere estas firme apartigitaj. Tiu grandega ŝanĝo komencas depost 1789.

De 1815 ĝis 1830, la aristokrataro kuniĝas ĉirkaŭ la reĝo kaj konsistas el la nobelaro alta, el homoj kiuj havas similajn sentojn, la saman edukon kaj vivas kune ; estas neeble al iu, kiu ne estas el tiu klaso, eniri en ĝin. La diferenco estas ke la privilegioj malaperis.

Tamen la nobeloj devas serĉi malaltigajn edziĝojn, se ili volas vivi samrange kiel la prapatroj: la nobelaro kaj la riĉularo miksiĝas.

La nobelaro aliflanke, interesiĝas ankoraŭ pri la landaj aferoj ; la homoj de tiu grupo utilas al Francujo dum ĉiuj regadoj, ĉu en la armeo, ĉu en la ambasadorejoj.

La nova reĝo provis miksi la rasan nobelaron kun la riĉula aristokrataro ; sed ne sukcesis; ĉar ĉiu klaso deziris regi sola.

Plie, la nobeligitoj de Napoleono kaj la malnovaj nobeluloj neniam fratiĝis.

Aliflanke kreskas la klaso de la oficistoj : homoj kiuj volonte atendigas kaj estas tre kontentaj pri siaj personoj. Cetere, ĝi baziĝas ankaŭ sur la favoraĵoj kaj sur la mono. Ĉie, dum la jarcento, mono estas estro.

Kelkaj grandaj spiritoj alarmiĝis, sed senutile. La imponeco de la nobelaro ŝajnas ankoraŭ agi sur la popolaro, sed tiu respekto nur estas teoria.

Malgraŭ le centrigo de la potenco kaj la samrangigo de la homoj, Francujo perdis fine sian regad-, ideo- kaj religi-unuecon; ĝi neniam retrovis sian moralan unuecon.

La ekleziularo perdis ĉiujn privilegiojn, sed restis tuta. Ĝi konservas sian tutan influon kaj eble ĝi pligrandigas laŭmezure, ke ĝi forlasas siajn laikajn rajtojn, dum la laika spirito aliflanke kreskas pli kaj pli.

Tiu evolucio okazis ne senpene. Sed dum 1830, politiko kaj religio disiĝis. Depost 1848, la pastroj ŝanĝas siajn kutimojn; ili vivas kun la popolo kaj fariĝas imitindaj pro sia plenumo de la devo kaj pro sia heroismo, dum la bataloj kaj la epidemioj.

En Francujo, la ekleziuloj perdas la malsanulejojn, la lernejojn, la bonfarejojn; sed aliflanke, ili kreas kolonian Francujon kaj organizas laboristajn asociojn, kiuj plene sukcesis.

Malgraŭ la laika spirito, la ekleziularo personigas la verajn sentojn de la nacio. Tamen la toleremideo naskiĝas dum la jarcento. Depost 1844, la katolika, la reformita kaj la juda kultoj estas samrangaj, ricevas monon de la registaro kaj posedas preĝejojn.

Tamen, je la vidpunkto precipe religia, la du lastaj malmulte influis ĉar ili parolis nur al malmultaj homoj kaj faris nur malgrandan propagandon.

La triumfinta klaso de la jarcento estas la burĝaro. Tiu ĉi akiras la justecon, la vivon, la egalecon, vivsekurecon, kiujn ĝi treege deziris. Dum ĉiuj regadoj, ĝi regas efektive kaj uzas sian potencon por sia profito kaj batalas kontraŭ la enirado en la landajn aferojn de la ekstremaj partioj, ĉu nobela, ĉu katolika, ĉu popola. La burĝaro ne estas ne enirebla ĉiu povas aparteni al ĝi, sed kelkaj kondiĉoj estas necesaj. Tiu klaso elpensis la raciedziĝon, sed tial ke ĝi devis akcepti la plej diversajn elementojn kaj perdis rapide siajn eminentulojn, ĝi fine disiĝas.

Cetere, la alveno de popolamasoj en politikon malaperigas toleremon kaj ĝentilecon. La Socia pridiskuto okupis la tutan jarcenton; en 1818 la ŝparkaso estas fondata.

Estas utile diri kelkajn vortojn pri la historio de la demando.

Unue la verkistoj okupiĝas pri sin semo. Saint-Simon diras ke la industrio, kiu estas la unua klaso en nacio, devas posedi la regadon; li do ne batalas kontraŭ la kapitalo. Dum la dua epoko, oni volas reorganizi la socion, sed la tria epoko estas revolucia. Tamen post 1815, la laboristoj komencas organiziĝi; ili fondas sindikatojn; ilia klaso akiras sufiĉan potencon por batali kontraŭ la burĝaro. Cetere, la izolaj laboristoj fariĝas malmultaj, ĉar oni fondas vastegajn industriajn establojn, ĉe kiuj la laboristoj trovas ĉiujn necesaĵojn, ĉu materiajn, ĉu intelektajn.

La kamparanaro, kvankam tute liberigita klaso, kiel la aliaj Francoj, ŝanĝas tre malmulte ĉar la tero ĉiam estas la sama por ĝi, ĝia vivo ŝanĝas ankaŭ ne.

Se la kampoj restas la samaj, la urboj fariĝas tute diferencaj; ili fariĝas vastegaj kaj pulvaj, pro la fabrikoj kaj la multaj veturiloj. Oni ne plu vidas malsategojn, sed la strikoj aperas; do la estonta grava temo estas la organizo de la rilatoj inter la laboro kaj la kapitalo.

La rolo de la virino estas tro grava en socio por ke ni ne parolu pri ĝi dum kelkaj momentoj.

Dum la unua imperio, la virino devas ofte vivi sola, sed ne povas okupi sin pri la publikaj aferoj. Estis alie dum la reĝeĉtempo; ŝia influo estas tre grava, se ne oficiala.

Multaj virinoj fariĝas verkistinoj eĉ kreas gazetojn kaj fondas societojn; ili lernas la sciencojn kaj la artojn kaj praktikas profesiojn Post multe de malfacilajoj, ili provas fariĝi viregalaj, almenaŭ en la urboj; ĉar la kamparanino ne ŝanĝiĝas, tial ke la lokaj cirkonstancoj restas ankaŭ la samaj.

Ni montru nun kelkajn aspektojn de la eduko rezervita je la infanoj. Dum la 18a jarcento, la infano estas edukata de servistoj; ili apenaŭ vidas siajn gepatrojn. Tio ŝanĝiĝas dum la 19a jarcento: la eduko fariĝas familia : amo ĉirkaŭas la infanon; la patrino estas fiera pri ĝi, pri ĝia korpa kaj intelekta kresko.

Oni provas farigi la instruadon agrabla, sed la infano, nun tro libera,

finfine malebligas la vivon de siaj gepatroj. Ĉi tiuj devas montriĝi pli severaj. Aliflanke, la urbaj geknaboj devas lerni la kutimojn de la monduma vivo. Cetere, la bapto kaj la unua komuniiĝo okazigas familiajn festojn.

La plej grava evoluo ĉe la infano estas ke ĝi akiras propran personecon; oni eĉ fondas specialajn gazetojn, kaj ankaŭ marionetvidaĵojn. La instruado, kiu unue okupiĝis precipe pri la ekstera aspekto de l'homo, finfine turniĝas al la praktika vivo; samtempe, oni komencas fari sporton, promenadojn sub libera ĉielo, en la pura aero; pro tio oni kreas multajn parkojn en Parizo.

Estus tute neutile montri tie ĉi la grandegan influon ĉe la socio de la plibonigoj de l'vojaĝrimedoj; sed tio povus esti tre longa kaj sciigus al vi nenion novan. Vi scias tiel bone kiel mi, ke la fervojoj kaj la rapidaj veturiloj kune kun la telegrafo kaj la organizo de la poŝto alportis grandan akcelon en la vivo kaj multe da facilaĵoj por la rilatoj inter la homoj.

Sed aliflanke, ni okupiĝos pri la preso, ĝiaj ŝanĝoj kaj ĝia influo. Antaŭ 1836, la gazetoj estis karaj kaj estis ricevitaj nur de la abonintoj; ili estis tre malgrandaj kaj oni presis ilin malgrandnombre.

En 1836 Emile de Girardin alportas revolucion en la preso; post liaj laboroj, la gazetoj fariĝas industrio, ili estas verkitaj por ĉiuj; kaj ĉiuj povas verki en ili.

Tiam aperas la felietonromano kaj la anoncoj; samtempe la gazeto pligrandiĝas sed ĝi fariĝas pli malkara; cetere oni povas aĉeti ĝin po numero. La paperoj kostas 5 aŭ 10 centimojn.

La gazetoj publikigas informojn, literaturajn verkaĵojn, interparoladojn de la gazetisto kun scienculoj aŭ influaj personoj. La gazetoj disvastiĝas tiel, ke ili fariĝas baldaŭ necesaĵo.

Se la gazetoj tre frue ellaboris reklamojn, ili ne monopoligis tion. Jam je la komenco de la jarcento, la anoncŝildoj de la magazenoj serĉas la okulimpresigon. Aliflanke la muroj kovriĝas per afiŝoj, kiuj altiras la rigardon per specialaj presaj procedoj, ankoraŭ uzataj hodiaŭ kaj jen estas baldaŭ la trairantaj afiŝoj; finfine, la cirkuleroj kiuj glitiĝas en la poŝon de la burĝo au sub lian pordon.

Cetere, laŭmezure kiel la jarcento fariĝas, oni volas agi pli vaste; oni konstruas pro tio vastegajn magazenojn en kiuj oni vendas ĉiajn dezireblajn komercaĵojn kaj kiuj estas ankoraŭ konataj de la legantoj.

Alia interesa karakterizaĵo de la epoko estas la ekspozicioj, kiuj komenciĝas tre malgrande, sed fariĝas finfine provizoraj urboj, kiuj permesas vidi la progresojn realigitajn en la diversaj fakoj de l'industrio kaj de l'scienco.

Tie kuniĝas ekspoziciantoj kaj vizitantoj el la tuta mondo.

Certe, tiu pritrakto estas tute ne kompleta; mi povos ankoraŭ priparoli la vivon intelektan, artan kaj intiman; jen estas aliaj vidpunktoj kiuj postulus ankoraŭ multe da tempo; mi preferis pritrakti la plej gravajn aspektojn, tio estas, montri al vi kiel la moderna socio formiĝis.

Laŭ parolado farita de la Brusela Grupo Esperanta, DURIEU.


LA VOIX
DE SON MAITRE

# SULTANO KAJ SONĜKLARIGISTOJ

Antaŭ multe da jaroj regis en fremda lando sultano, kiu dum iu nokto ekvekiĝis pro sufokiga sonĝo.

Maltrankviligita, li vokis siajn servistojn, kiuj ekster la dormoĉambro garde staris. Kiam ili lin vidis tiel ekscititan, ili volis tuj venigi la kutiman kuraciston. Sed la sultano al ili ĝin malpermesis, dirante : neniu kuracisto tie ĉi helpos.

Iru kaj venigu Abdul-Hafiz, la saĝulon, mi havis strangan sonĝon, kiun li devas klarigi.

Kelkaj servistoj tuj kuris al la domo de Abdul-Hafiz kaj sciigis lin kion la sultano deziris de li. La saĝulo tute kontente frotis siajn manojn, ĉar li jam antaŭvidis reĝan rekompencon de la sultano, kiu posedis senlimajn riĉaĵojn. Tuj post sia alveno en la palaco, li estis akceptita ĉe la potenca Sinjoro.

La sultano diris al li. Abdul-Hafiz mi multe aŭdis pri via saĝeco, pro tio mi alvokigis vin, por klarigi mian sonĝon, kiu abrupte min vekis. Mi ja sonĝis, ke miaj dentoj unu post la alia falis el mia buŝo, neniu tie restis. Kiam Abdul-Hafiz tiujn ĉi vortojn aŭdis, li faris malĝojan mienon. Ho Sinjoro, li parolis : Prave vin timigis via sonĝo, ĉar ĝi antaŭdiras malfeliĉegon kaj ĉagrenon. La dentoj, kiujn vi perdis, estas viaj edzinoj kaj infanoj; ĉiuj antaŭ vi mortos, ĉiujn vi vidos ilin porti al tombejo. Tuj kiam la sultano estis anskultinta la klarigon de l' saĝulo, li ekkoleregis. Kion ! vi kuraĝas antaŭdiri al mi, malfeliĉegojn kaj ĉagrenon, li ekkrias ; ĉu vi povas ankaŭ tiel bone antaŭvidi vian propran destinon kiel la mian ?

Li donis signon al siaj servistoj, kiuj ekkaptis la malfeliĉan profeton, ligis liajn manojn kaj piedojn kaj trenis lin en teruran malliberejon.

— Venigu tien ĉi, alian sonĝklarigiston, ordonis la Sultano ; post kiam Abdul-Hafiz estis forkondukita. Unu, kiu pli bone komprenas sian profesion ol tiu stulta Abdul.

Kiel oni kuraĝas nomi lin, saĝulo ? Al lia ordono oni tuj obeis kaj ne daŭris longtempe ĝis la saĝa Husin staris antaŭ li. Kiam li estis aŭskultinta la sultanan sonĝon, li levis alten la manojn, kun ĉiuj signoj de grandega ĝojo. Saluton al vi, ho, Sinjoro, li ekkriis kaj saluton al via popolo, ĉar via sonĝo signifas por vi ambaŭ grandan feliĉon. Vi postvivos ĉiujn viajn familianojn, Sinjoro, kaj nia lando ĝojos pro via benata regado dum multaj jaroj. Vi estas vere saĝa homo, diris la sultano ĝojigite; ĉiam vi restos ĉe mia kortego kaj mia trezoristo pagos al vi mil dukatojn.

La servistoj laŭte aklamis la sonĝklarigiston sed unu el ili sin turnis por kaŝi sian ridon. La sonĝklarigistoj, li diris al si, rakontis la saman aferon kaj tamen unu estas punata kaj la alia rekompencata. Kial ? tial ke ili diris la samon sed malsammaniere.

El Nederlanda, trad. C. Vanbiervliet, Kortrijk.

# BONHUMORO

## EN LA EKSPOZICIO.

La artpentristo al la kritikisto :

— Sinjoro, kion signifas tiuj viaj paroloj: « La pentraĵo de Sinjoro X. estus povinta esti malpli malbona ? »

La kritikisto. — Ho, sinjoro, se tiuj vortoj ne plaĉas al vi, mi kun plezuro ŝanĝos ilin kaj mi diros : « La pentrajo de sinjoro X. ne estus povinta esti pli malbona ».

## INTER ĴURNALISTOJ.

Du rivalaj ĵurnalistoj interŝanĝas parolojn duonakrajn. — Nu, diris la unua laŭ tono subite aminda, mi vidis ion vere bonan en via ĵurnalo!

— Vere ? ekkrias la alia, ĉarmita pro tiu neatendita amindaĵo; kaj kio ĝi estis ?

— Unu kilogramo da bonega rostbifo !

## INVITO.

— Ĉu vi estas senokupa morgaŭ ?

— Jes.

— Kaj postmorgaŭ ?

— Ne.

— Estas bedaŭrinde. Mi volis peti vin, por veni vespermanĝi postmorgaŭ...

## ĈE LA DENTISTO.

Sinjoro Pietrufle suferante je dentdoloro iras ĉe dentiston. Tiu-ĉi ekzamenas la dentojn kaj demandas lin: « Je kia flanko vi manĝas ?»

Sinjoro Pietrufle : « Je la flanko de la stacidomo Sta Lazaro !»

## NE TIEL MALSPRITA.

Kondukisto : Diru Kamparano estas malpermesate fumi tie ĉi.

Kamparano : Mi ne fumas.

Kondukisto: Sed tamen vi havas vian pipon en via buŝo.

Kamparano: Certe, kaj ankaŭ mi havas miajn lignajn ŝuojn ĉe la piedojn, ĉu mi marŝas ?

## ĈE LA TEATRA DIREKTORO.

La direktoro. — Kiel vi opinias pri nia junamantaktoro hodiaŭ vespere ?

La teatra kritikisto. — Tre bona li estis. Li ne plu tiel ludis de kvardek jaroj!

---

— Policisto, rapide venu : Viro batalos kun mia patro jam de unu horo!

— Jam de unu horo ? Kial vi ne avertis min pli frue ?

— Estas, ke... ĝis nun mia patro havis la avantaĝon...

# DIVERSAJ INFORMOJ

**La foiro de Reichenberg** eldonis diversformatajn afiŝojn en Esperanto por sia reklamo.

**La Hungara Nacia Asocio de la Ligo de Nacioj** publikigis okpaĝan grandformatan propagandilon, kies titolo estas : « Senpartia internacia komitato esploru cirkonstancojn kreitajn per la packontraktoj, en valo de Danubo ». Kiu deziras ricevi tiun dokumenton kaj aliajn informojn sin turnu al D-ro Julio Lukacs, VII., Pillango-utca 13. III, Budapest.

**La hungaroj eksterlande loĝantaj** fondis en Nederlando Ligon kaj centron. Kiu konas hungarojn en iu belga urbo bonvolu tion sciigi al la ĉi suba adreso. La Ligo eldonas oficialan revuon en kiun ĝi enkondukos Esperanton. « Hongaarsche Courant », Postbus 74, Utrecht (Nederlando).

**La Ĉehoslovaka Registaro,** dissendis per siaj konsuloj en eksterlando, plej interesan 11-paĝan informaron en Esperanto pri la Lerneja sistemo de la Ĉehoslovaka Respubliko. Por fakuloj ĝi enhavas multnombrajn interesajn detalojn. Ni devas ĝoji pro la fakto, ke la ĉehoslovaka registaro, per tiu praktika apliko de nia lingvo, montris sian plenan konvinkiĝon pri ĝia utileco.

**El Barcelono :** Okaze de la Barcelona Internacia Ekspozicio estis starigita en Barcelono, en la strato Duran y Bas, 8, pral, Esperantista renkontejo, funkcianta ĉiujn labortagojn de la 6a ĝis la 8a vespere, kun la celo akcepti kaj informi la esperantistojn, kiuj vizitas la urbon.

**La Kristana Esperantista Ligo Internacia** fondita en la jaro 1911a, bazita sole sur la sankta Biblio, sendependa de eklezia dogmo, dissendas al la Kristanaj Asocioj de Junaj Viroj (angle : Young Men's Christian Association), al la Kristana Celado (angle : The Christian Endeavour) kaj al aliaj, alvokon, lerni Esperanton. La tuta Esperantistaro, kiu simpatias kun tiu laboro estas petata, iamaniere helpi, ke la grava entrepreno bone sukcesu. Helpo povas okazi per traduko kaj transdono de la alvoko al kristana societo, per sendo de informo pri interesuloj al K. E. L. I., adreso : Paul Hübner, Pölkenstrasse, 4, Quedlinburg (Germanlando).

---

# LA TRAFIKO EN LA HAVENO DE ANTVERPENO

Dum la monato Julio alvenis 1019 marŝipoj kun suma kapacito de 2.040.948 tunoj. Pasintan jaron dum la sama monato la ciferoj estis 801 ŝipoj kaj 1.647.075 tunoj. Oni konstatas do plialtigo de 218 ŝipoj kaj 393.873 tunoj. La meza kapacito estis 2003 tunoj por ĉiu ŝipo. El la alvenintaj ŝipoj estis 402 britaj, 176 germanaj, 94 belgaj, 89 nederlandaj, 55 norvegaj, 47 francaj, 45 svedaj, 31 danaj, 16 usonaj, 12 italaj, 8 litovaj, 7 japanaj, 9 grekaj, 6 rusaj, k.t.p.

# ESPERANTA RIMVORTARO (Dua parto).

kard
brankard
kokard
lard
bilard
fulard
mard
ponard
gurnard
board
leopard
Sard
mansard
tard
petard
otard
stard
bastard
avistard
mustard
bulvard
hazard
kamizard

**ARG**
karg
larg
hidrarg
ŝarg

**ARĜ**
larĝ
ŝarĝ

**ARĤ**
monarĥ

**ARK**
ark
bark
patriark
mark
rimark
zoark
park
sark
ŝark

**ARKT**
arkt
infarkt
antarkt

**ARM**
arm
ĉarm
ĝendarm
farm
larm
alarm
varm
svarm

**ARN**
karn

**ARP**
harp
karp
skarp
eskarp
kontreskarp
varp

**ARS**
fars
Mars
tars
metatars

**ARŜ**
marŝ

**ART**
art
fart
kart
ekart
Mart
part
apart
spart
ŝart
vart
kvart
inkvart

**ARTR**
artr

**ARV**
larv

**AS**
-as
As
bas
kalabas
kontrabas
kolbas
ĉas
pankreas
gas
sargas
lias
trias
kas
frakas
las
melas
cervelas
glas
klas
atlas
mas
amas
nas
ananas
psoas
pas
kompas
ras
embaras
karas
bras
teras
gras
kiras
stras
tas
potas
vazistas
kanvas

**ASK**
bask
verbask
fask
fiask
kask
mask
damask
nask
pask
task

**ASM**
orgasm
miasm
entuziasm
sarkasm
kataplasm
protoplasm
pleonasm
spasm
marasm

**ASP**
jasp
rasp

**AST**
bast
bombast
ĉast
fast
gast
kast
last
balast
elast
meloplast
mast
toast
past
rast
drast
prokrast
kontrast
vast
kvast

**ASTM**
astm

**ASTR**
astr
alabastr
kadastr
piastr
kastr
pilastr
plastr
mastr
kremastr
kanastr
pinastr
pastr
katastr

**AŜ**
kaŝ
maŝ
gamaŝ
paŝ
draŝ
guaŝ

**AŜT**
paŝt

**AT**
-at
bat

abat
rabat
sabat
debat
akrobat
dat
kandidat
soldat
mandat
beat
laŭreat
Fat
agat
gagat
legat
renegat
fregat
agregat
Vulgat
surogat
iniciat
licenciat
plagiat
kat
predikat
sindikat
delikat
duplikat
advokat
brokat
skat
moskat
muskat
dukat
lat
palat
salat
biat
oblat
prelat
flat
glat
dilat
rilat
plat

skarlat
mulat
postulat
mat
klemat
kazemat
stigmat
astigmat
anastigmat
sublimat
klimat
aklimat
primat
Dalmat
komat
diplomat
akromat
aromat
tomat
aŭtomat
format
permanganat
morganat
aplanat
granat
mecenat
grenat
senat
magnat
koordonat
monat
aeronat
sonat
ornat
boat
pat
hepat
kompat
Karpat
spat
rat
karat
aparat
drat
kvadrat

cedrat
referat
konglomerat
frat
grat
pirat
demokrat
aristokrat
aŭtokrat
klorat
protektorat
trat
citrat
strat
magistrat
akurat
sat
isat
ŝat
batat
patat
etat
acetat
citat
admiralitat
komitat
precipitat
aŭtoritat
universitat
traktat
diktat
fakultat
rezultat
kantat
stat
podestat
konstat
apostat
aerostat
prostat
ŝtat
uat
aluat
eskpluat
vat

kravat
privat
adekvat
svat

**ATR**

albatr
teatr
amfiteatr
kalfatr
psikiatr
cikatr
piamatr
duramatr
natr
patr
veratr

**AŬ**

aŭ
ambaŭ
landaŭ
morgaŭ
adiaŭ
hodiaŭ
miaŭ
ankaŭ
ĉirkaŭ
preskaŭ
laŭ
naŭ
almenaŭ
apenaŭ
hieraŭ
malgraŭ
ankoraŭ
kontraŭ
anstataŭ
antaŭ
kvazaŭ

**AŬB**

laŭb
ŝraŭb

**AŬC**

saŭc

**AŬD**

aŭd
ĵaŭd
laŭd
alaŭd
plaŭd
aplaŭd

**AŬG**

taŭg

**AŬK**

faŭk
glaŭk
raŭk

**AŬL**

fraŭl
engraŭl

**AŬM**

ŝaŭm

**AŬN**

faŭn
klaŭn

**AŬP**

raŭp

**AŬR**

daŭr
bedaŭr
kaŭr
laŭr
saŭr
iĥtiosaŭr
centaŭr

**AŬSTR**

Aŭstr
klaŭstr

AŬT
haŭt
laŭt
argonaŭt
aeronaŭt

AŬZ
kaŭz
klaŭz
naŭz
paŭz
taŭz

AV
av
fav
agav
hav
gujav
kav
konkav
lav
flav
glav
klav
aŭtoklav

sklav
Slav
nav
Skandinav
pav
papav
rav
brav
grav
prav
arĥitrav
sav
oktav

inoktav
centav
kartav
zuav

AZ
paz
faz
emfaz
gaz
kaz
okaz
ukaz

laz
atlaz
naz
baz
topaz
raz
braz
fraz
parafraz
ŝenopraz
ekstaz
vaz

---

E
-e
obe
jube
glace
ginece
lice
pice
alce
kaduce
ĉe
tranĉe
de
ide
orkide
sponde
arde
horde
fe
aŭtodafe
kerife
nimfe
trofe
perige
apoge
large
he
trahe
ehe
ie
ĉie
kie

nenie
tie
je
ke
ke
lake
ĵoke
troke
arke
moske
saduke
ale
azale
kamele
stele
jubile
nagile
kile
propile
kle
ole
sole
maŭzole
kame
pigme
Krime
arme
kalkane
arane
Mediterane
spontane
himene

Pirene
gine
line
aline
tine
abitine
perone
korne
peritone
sape
portepe
kupe
farmakope
melope
epope
prozopope
karpe
metakarpe
kupe
are
kare
Hebre
akere
pere
kre
hore
blenore
gonore
pore
ure
sature
livre

farise
ŝose
te
plate
variete
akte
brakte
nikte
alte
balte
Prote
gasteroste
bute
glute
kolute
ve
kaze
elize
muze

EB
kubeb
mahaleb
pleb
reb
seb
steb
ŝveb

EBL
-ebl

mebl

EBR
febr
algebr
funebr
palpebr
vertebr
zebr

EC
-ec
ec
dec
modalec
imunec
kontumec
pec
spec
sec
hipnotec

EĈ
eĉ
feĉ
meĉ
peĉ
breĉ
streĉ
pasteĉ

**EĈJ**
-eĉj

**ED**
bed
ced
alced
proced
eksced
bufed
lied
pied
kastanjed
raked
piked
etiked
musked
buked
led
baled
bicikled
boled
sterled
rimed
komed
planed
kned
moned
ped
paraped
velociped
palmiped
torped
eksped
cigared
maskared
bred
vendred
bered
hered
tered
kred
merkred
sed
obsed
posed
ted
moted
graved
Sved
rezed

**EDR**
edr
cedr
poliedr
katedr

**EDZ**
edz

**EF**
rostbef
ĉef
relief
barelief
ref
tref
kalistef

**EG**
-eg
leg
deleg
pleleg
fleg
frugileg
koleg
omeg
peg
reg
seg
teg
talveg
Norveg

**EGL**
kegl

**EGM**
flegm

**EGN**
regn
desegn

**EGR**
alegr
negr

**EĜ**
eĝ
sleĝ
leĝ
neĝ
maneĝ
arpeĝ
reĝ
vicreĝ
preĝ
seĝ
pufseĝ

**EĤ**
eĥ
kromleĥ

**EJ**
ej
plebej
dej
plej

**EJD**
plejd

**EJĤ**
sejĥ

**EJK**
ŝejk

**EJL**
kejl
mejl

**EJM**
hejm

**EJN**
Rejn
vejn

**EJR**
madejr

**EJS**
gnejs
rejs
grejs
edelvejs

**EJT**
hejt

**EK**
ek
bek
ĉek
dek
ferdek
fek
lek
blek
kromlek
nek
pek
kopek
arek
Grek
strek
sek
intrinsek
bibliotek
pinakotek
apotek
hipotek
bifstek
vek

**EKC**
sekc

**EKL**
pekl

**EKR**
konsekr

**EKS**
eks
indeks
kodeks
fleks
refleks
cirkumfleks
ileks
poleks
pleks
ampleks
kompleks
uleks
aneks
koneks
haruspeks
seks
teks
konveks

**EKST**
sekst
tekst
pretekst

**EKSTR**
ekstr
dekstr

**EKT**
afekt
efekt
prefekt
difekt
infekt
desinfekt

perfekt
pluskvam-perfekt
imperfekt
objekt
subjekt
injekt
konjekt
kakekt
dialekt
elekt
intelekt
reflekt
neglekt
kolekt
plekt
konekt
pleŭronekt
aspekt
respekt
inspekt
prospekt
introspekt
suspekt
rekt
erekt
direkt
korekt
sekt
insekt
arhitekt
protekt
vekt

**EKTR**

elektr
spektr

**EKV**

sekv

**EL**

el
Izrael
bel
abel
fabel
skabel
mirabel
tabel
cerebel
libel
ribel
zibel
umbel
strobel
korbel
cel
motacel
akcel
balancel
ŝancel
parcel
ĉel
vermiĉel
violonĉel
morĉel
padel
citadel
mortadel
pedel
kandel
rondel
pudel
fel
grifel
degel
sigel
meringel
fringel
mugel
anĝel
hel
kahel
morhel
iel
ĉiel
ĉiel
kiel
miel
niel
neniel
tiel
mjel
vjel
kel
fakel
nikel
trokel
cirkel
morkel
paralel
pelel
mel
amel
gamel
kamel
karamel
ĝemel
kanel
flanel
panel
ŝanel
vanel
kokcinel
pulĉinel
pimpinel
kolonel
tonel
ŝrapnel
mornel
funel
prunel
tunel
pel
ĉapel
klakĉapel
kapel
erizipel
skalpel
ampel
karpel
kupel
rel
barel
akvarel
ombrel
kverel
orel
porel
kestrel
sel
aksel
petrosel
karusel
ŝel
buŝel
bagatel
betel
filotel
patel
kitel
kapitel
sitel
mantel
tarantel
potentel
botel
fotel
hotel
kartel
martel
mirtel
stel
kastel
pastel
listel
mustel
ŝtel
paŝtel
duel
muel
kruel
vel
avel
karavel
brigvel
nivel
rivel
bramvel
novel
ŝovel
ŝvel
juvel
gazel
zizel
makzel

**ELF**

elf
filadelf
didelf

**ELG**

Belg

**ELK**

kelk
melk
ŝelk
velk

**ELP**

felp
help

**ELT**

celt
Delt
felt
Kelt
spelt

**ELV**

pelv

**EM**

em
-em
diadem
tandem
blasfem
gem
ĝem
Bohem

tantiem
rekviem
skem
emblem
problem
dilem
ulem
mem
poem
rem
barem
harem
krem
teorem
prem
trem
ekstrem
sem
Sem
tem
anatem
krizantem
sistem
agrostem
emfizem
ekzem

**EMBR**

cembr
Decembr
membr
Septembr
Novembr

**EMD**

fremd

**EMP**

tremp
temp
printemp

**EMPL**

templ
ekzempl

**EN**

en
-en
ben
skaben
kanaben
raben
karaben
eben
boben
jakoben
verben
ruben
racen
klavecen
sukcen
lancen
miocen
scen
kapucen
ĉen
faden
molibden
Eden
gulden
tenden
ĝarden
orden
fen
delfen
aborigen
desigen
melongen
homogen
hidrogen
heterogen
akrogen
orgen
ĝen
indiĝen
marĝen
gehen
bien
indien
higien
hien
lien
elien
mien
Vien
jen
Kajen
ken
aken
baldaken
kraken
lambreken
liken
triken
palanken
manken
foken
maroken
marasken
alen
balen
galen
skalen
Helen
selen
velen
acetilen
metilen
kaolen
polen
solen
santolen
splen
karlen
bulen
amen
kardamen
pergamen
kamen
lamen
ciklamen
gramen
tamen
stamen
ekzamen
semen
specimen
himen
rimen
vimen
abomen
domen
abdomen
fenomen
promen
Armen
ermen
jasmen
albumen
kumen
katekumen
volumen
katenumen
cerumen
venen
pen
karpen
lupen
ren
aren
mandaren
karen
maren
rosmaren
taren
dren
andren
teren
seren
suveren
gren
ĉagren
gangren
siren
antiren
kren
skren
Loren
floren
moren
pren
entrepren
cipren
kompren
tren
muren
sen
sen
basen
Apisen
fraksen
iroksen
alsen
kusen
ten
aten
katen
gelaten
platen
skarlaten
maten
graten
kavaten
reten
kreten
Puriten
pekten
bulten
anten
kvaranten
serpenten
aparten
kurten
festen
tungsten
posten
fusten
gluten
Beduen
ven
aven
haven
steven
ingven
pingven

# BIBLIOGRAFIO

**LA VILA MANO.** Originala Romano de H. J. Bulthuis. Eldono de N. V. Joh. Ykema's Uitgeverszaak, Den Haag. 300 paĝoj 14 x 20 cm. Prezo : broŝurite Guld. 2,75, bindite Guld. 3,25.

« La Vila Mano », kun subtitolo « Idoj de Cereso », estas bela nova numero en la tiom interesa kolekto de « Idoj », romanoj originale eldonitaj de la lerta aŭtoro Bulthuis. Estas samtempe impona ampleksa verko, kun zorge prezentita teksto. La libro, kies enhavon ni ne rakontas ĉar tio povus malpliigi la intereson de la legonto, estas ilustrita per sugestigaj bildoj de Tjeerd Bottema. Speciala aranĝo de la aŭtoro, nome la numerigo de malfacilaj esprimoj kaj la aldono de suplemento enhavanta ĉirkaŭ 320 vortojn, permesas la uzadon de la libro ne nur kiel legaĵon por interesuloj, kiuj jam funde konas nian lingvon, sed ankaŭ kiel lernigan legaĵon por komencantoj. Ni ne dubas, ke tiuj ĉi lastaj trovas saman intereson legi tiun agrablan tekston, kaj ke ili ne ripozos antaŭ ol ili alvenis je la fino de la libro. Kaj tio estos poste garantio, ke ili plene konos nian lingvon. Por la jam pli malnovaj Esperantistoj estas preskaŭ ne plu necese rekomendi librojn de la holanda pioniro Bulthuis.

**KATOLIKA PREĜARETO en Esperanto,** eldonita de la Societo S-ta Miĥhaelo, 32 paĝoj 9,5 x 13,5. Artaj ilustraĵoj. Prezo, afrankite: Fr. fr. 2,50, havebla ĉe « Espero Katolika », 22 Cours Albert I, Paris (VIII).

**WIEN. GVIDLIBRETO EN ESPERANTO.** Eldonis Aŭstria Esperantisto, Korneuburg. 60 paĝoj 12 x 16,5 cm. Kompilis H. Steiner. Bela multilustrita gvidlibro. Prezo, afrankite : S. 1,50.

9e **ESPERANTO KATALOGUS** van de Centrale Esperanto-Boekhandel, 's-Gravenhage. 36 paĝoj 11,5 x 15,5 cm.

**BAHAISMO KAJ POLITIKO.** La ŝtata idealo laŭ la instruoj de Baha'u-llah. De D-ro Ernst Kliemke. 8 paĝoj 15,5 x 23 cm. Prezo : Rmk. 0,25.

**LA ESENCO DE L'BAHAISMO,** de D-ro Hermann Grossmann. Eldonis Bahaa Esperanto-Eldonejo, Wandsbeck (Germanujo), Poŝtfako 8. 8 Paĝoj 15,5 x 23 cm. Prezo nemontrita.

**LA FLANDRA ESPERANTISTO** aperis de Julio 1929. Ĝia enhavo montras malkaŝan malamikecon kontraŭ Belga Ligo Esperantista. El la celoj, kiujn la nova gazeto signas al si en tiu unua numero ni elprenas ke ĝi « ne nur volas esti la parolilo de la flandraj esperantistoj sed la parolilo de ĉiuj esperantistoj, kiuj simpatias kun la du fundamentaj ideoj, entenataj en nia devizo : « Libera Flandrujo en paca mondo » : memstareco por la flandroj, por ĉiuj gentoj; paco por ĉiuj popoloj! » Sur alia paĝo ni trovas : « Flandroj, lernu Esperanton! Lernu uzi tiun armilon kontraŭ la bruselaj centraligaj regantoj, kiuj nenion pli timas el la konigo en eksterlando de la sopiroj de la Flandroj ». Ni notu la aplikon de Esperanto ĉe la partianoj de tiu speciala politika tendenco iam nomita « aktivista » kaj nuntempe akcelata de la « Frontpartij ».